# Fervoja antologio

Kadre de sia 50a jubilea kongreso, okazonta en la urbo Aalborg 16a-22a de majo 1998 IFEF alvokas ĉies kunlaboron cele al publikigo de eta antologio rilatanta al fervojo.

Povas temi pri
1. Originala verko, eventuale jam publikigita.
2. Traduko el kiu ajn lingvo, eventuale jam publikigita.

La longeco prefere ne preterpasu kvin paĝojn.

Se eble, la aŭtoroj sendu sian kontribuaĵon ankaŭ sur diskedo (programoj: WordPerfect por Windows, Winword aŭ en ASCII-formo.

Limdato: 31a de oktobro 1997.

La kontribuaĵon bonvolu sendi al la IFEF-sekretario:
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4, IT-40139 Bologna.

Se vi konas indan verkon aŭ verkeron laŭ la supre indikita longeco, kaj ne povas mem traduki, bonvolu same signali ĝin al la supra adreso.

Aparta komisiono selektos la verkojn laŭ literatura kaj faka niveloj.

Por tradukaĵoj bonvolu nepre aldoni la originalon kun ĉiuj bibliografiaj indikoj, kaj se la verko jam aperis, lokon kaj daton de la publikigo.

IFEF

**Al ĉiuj landaj asocioj: Bv nepre legi paĝon 95 pri uniformprezentado dum la 49a IFK**

---

**Frontpaĝo:** Fakkunsido de fervojistoj dum la 1a Azia Kongreso de Esperanto kaj jarkunsido de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio (vidu referaĵon p.93).
Sidante de maldekstre: la dua: s-ro Han Zuwu, la tria: s-ro Heinz Schindler, la kvina: s-ro Li Sen, la sesa: s-ro Nobuki Naosuke kaj la sepa: s-ro Sibata Akira

# Enhavo

# 49a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
## 10a-17a de majo 1997 Košice, Slovakio




Adreso: Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ
A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina
Bankkonto: 40934040/7500, SWIFT: CEKOSKBX ZIL ČSOB, Legionárska 1, SK-01001 Žilina
Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ,
A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina
Poŝtkonto: 064274-0014240-005/6500, Poštová banka, P.O.Box B-113, SK-01203-Žilina
Inĝ. Magdaléna FEIFIČOVÁ,
A. Bernoláka 25/5, SK-01001 Žilina
Kongresejo: Dom umenia (Domo de Arto) kaj hotelo SLOVAN

## Iom pri kongresaj ekskursoj

Ĉar la organizantoj volis eviti grandan amasiĝon da homoj en unu loko, ili decidis doni ĉiam du celojn por la ekskursoj. Tiel kaj por tuttaga, kaj por duontaga ekskursoj oni devas elekti el inter du ekskurceloj laŭ sia bontrovo. La tuttagaj ekskursoj inkluzivas tagmanĝon, la duontagaj refreŝiĝon.

**Tuttaga ekskurso al Bardejov kaj banloko Bardejovské kúpele**
La urbo Bardejov ricevis en la jaro 1986 Eŭropan Premion – oran medalon de UNESCO pro prizorgado de kulturaj memorigaĵoj. La vizitantoj povas admiri unikan komplekson de historia urbokerno kun amaso da valoraj arthistoriaj konstruaĵoj kaj bone konservitan defendan fortikaĵon. Perlo de la placo estas gotika preĝejo de St. Egido el la 14a jarcento kun 11 gotikaj al-altaroj, kaj gotike renesanca urbodomo.

Apuda banloko Bardejovské kúpele havas ok fontojn kun unikaj alkalecaj-salaj ferenhavantaj mineralakvoj satigitaj per $CO_2$. Loka muzeo de popola arkitekturo alproksimigas al la vizitantoj la plej ofte uzitajn tipojn de loĝdomoj, kelkajn specojn da religiaj kaj teknikaj konstruaĵoj, sed precipe vivstilon en ĉi regiono de Karpata Arko.

**Tuttaga ekskurso al kastelo Krásna Hôrka kaj Ochtinská aragonita groto**
La gotikdevena kastelo Krásna Hôrka [Krasna Huorka] el la 14a jarcento estas interalie interesa pro belega malfrue renesanca kapeleto kun nature mumiigita korpo de Sofio, edzino de kastelsinjoro Ŝtefano Andráŝi la Unua.

Aragonita groto Ochtiná [Oĥtina] estas kreita de atmosfera akvo, kiu per sia agado formis en marmore grizbluaj kaj alabastre blankaj muroj potsimilajn kavojn, el kiuj elkreskas unikaj belegaj aragonitaj florornamaĵoj kaj blankaj kristaloj. Ĝi apartenas al la plej valoraj grotoj en Eŭropo. Al vizitantoj estas alireblaj 300 metroj el ĝia tuta 1525 metra longeco.

**Duontaga ekskurso: veturado per vapora trajno ĉe Košice**
Per historia trajno, kiun tiros vaporlokomotivo nomata Katka, priservata antaŭe fare de anoj de iama infana pionira organizaĵo, oni veturos al Čermeľ [Ĉermelj]-valo, ne nur por admiri interesan teknikaĵon, sed ankaŭ por ĝui refreŝiĝon (ne nur per aero) en arbara parko.

**Duontaga ekskurso: vizito al Muzeo de Vino en Prešov**
En kultura, merkata kaj industria centro de regiono Spiš [Spiŝ], en urbo Prešov [Preŝov], estas interesa ne nur historia urbokerno, sed ankaŭ unika muzeo de vinoj, kiu troviĝas en keloj sub la urbodomo. Tie oni ekscios multajn interesaĵojn ne nur pri prilaboro de vinberoj, sed ankaŭ pri servado kaj ĝuado de fina rezulto – vino.

□

# Protokolo de la kunveno 'Movadaj aferoj'

**en la 48a IFEF-kongreso en Hago (NL) - 16.05.1996.**

La Sk Bolognesi bonvenigas la multajn partoprenantojn (64 el 17 landoj) kaj rapide klarigas la celojn de la kunveno, kiu jam de jaroj intencas libere diskutigi traktante ne fakajn temojn, sed ĝeneralajn primovadajn temojn, ĝuste por interŝanĝi spertojn kaj doni/ricevi la plej lastajn utilajn informojn, en la espero utiligi ilin en la propra agado.

S-ino Mila Horst-Kolinska (PL) prezentas 'Mazi en Gondolando'-n kaj proponas viziton al la IEI. (Internacia Esperanto-Instituto).

K-go Jan Niemann (DK) informas ke DEFA provos novan reklamilon entenante 'La plej bona Esperanto-travivaĵo' de la DEFA- membroj. Oni planas preson kaj varbadon, iom provoke kaj intime.

K-go Martin Stuppnig (AT) multe subtenas la projekton 'Mazi' kaj krome anoncas la organizon de la 'Trilanda Pinto', septembron 1996, 3taga aranĝo en Arnoldstein dum kiu okazos la Jarkunveno de AFEF.

K-go Joachim Giessner (DE) aludas al la fakaj prelegetoj kaj konsilas pri la necesaj paŝoj por atingi bonan kvalitan kaj aktualecan nivelon tiucele.

K-go Alberto Menabene (IT) prezentas libron de li verkitan, itallingve 'Sekso kaj religio' en kiu rolas ankaŭ la lingva problemo en la Eŭropa Unio. Pri tio li anoncas iniciaton per kiu samideanoj de ĝemelitaj urboj en IT, FR kaj DE povos tradukante kontribui por starigo de politika 'Eŭropa Parlamenta Grupo' kunlige kun ĵurnalo en la urbo Terracina (IT).

K-go Ernst Glättli (CH) parolas pri kelkaj strategioj varbi inter el la gejunuloj. SAEF provis sin turni al la CH-fervojoj por havi la adresojn de la plej junaj dungitoj, sed ĝi ricevis rifuzon. Li laŭdas la kurson 'Mazi' kaj mencias pri ekspozicio en Loten farita de la CH-sekcio de FISAIC. Li varme rekomendas ĉiam kaj ĉie uzi Esperanton por veki interesajn demandojn kaj doni klarigojn.

Sk Bolognesi mencias pri iniciato en Bologna, kie la loka sekcio de FISAIC organizis verkan konkurson de fabeloj por la geknaboj de la fervojistoj, por kiuj la Esperanto-Grupo decidis prepari aldone bildstrian biografion de Zamenhof en la intenco envolvi la plej scivolemajn el ili.

S-ino Mila Horst-Kolinska revenas al alia projekto pri 'Mazi', kiu devos esti alimaniere aranĝita speciale por TV-dissendado, ĉar televizioj estas interesitaj pri tio. Kiuj deziras kunlabori b.v. sin turni al IEI.

Inĝ. Zdeněk Polák (CZ) raportas pri interesa instruado ĉe instituto.

H.Pr Giessner rememoras ke ankaŭ nia Terminaro estas bona propagandilo, nun aĉetebla je bonega prezo. Ekzistas CD-ROM kaj eblas libroj 2-3lingvaj.

La deziro ĉeesti kaj la emo partopreni en la diskutado montras la grandan intereson pri ĝeneralaj propagandaj temoj. Sed la tempo rapide flugas kaj la kunordiganto devas fermi la kunvenon.

Bologna, 29.06.1995.
Protokolis: Sk Romano BOLOGNESI

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj pri la jaro 1995

(daŭrigo)

**8. Junularo**

16 landaj asocioj raportas pri gejunuloj. Tiuj landoj havas 240 gejunulojn (14% de la membraro de IFEF). La plej granda evoluo estas en Hungario, kie la penado donis frukton, ĉar tie jam estas 60 gejunuloj inter la fervojistaj esperantistoj. Bedaŭrinde nur kelkaj estas IFEF-anoj.

Nur en Ĉinio troveblas du junulgrupoj kaj en Rumanio unu memstara junulgrupo. Bedaŭrinde Aŭstrio, Germanio, Japanio, Nederlando kaj Svislando ne havas gejunulojn, Danio kaj Kroatio havas nur po unu, Slovakio nur du gejunulojn. Multaj landaj asocioj daŭre varbas kaj agitas, sed ankoraŭ ne sukcesis kreskigi la nombrojn de gejunuloj. Ĉiujare mi skribis en la jarraporto tiujn vortojn, sed pri rezulto mi ne povas

raporti. Mi ĉiam diris kaj diras, ke bedaŭrinde maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, ni ne povas certigi novan generacion por daŭrigi la laboron, la kontinuecon. Denove mi diras eĉ krias: nia ĉefa tasko estu serĉi kaj varbi gejunulojn, fari propagandon por Esperanto, kaj aranĝi allogajn, malmultekostajn kongresojn, renkontiĝojn kaj interesajn programojn por gejunuloj.

**9. Terminara kaj traduka laboro**

Laŭ la raportoj nur 13 landaj asocioj laboras sur la tereno de terminara kaj traduka laboro. Nur en Germanio, Hungario, Italio kaj Jugoslavio la nacilingva terminaro estas preta, presita kaj eldonita.

La pola, ĉeĥa kaj slovaka nacilingvaj terminaroj jam estas tradukitaj, sed pro manko de mono ĝis nun oni ne sukcesis presigi ilin.

La Hungaraj Ŝtatfervojoj transprenis la produktadon de la libroformaj terminaroj en la kadro de UIC. Pro tio eblas mendi ĉiun ajn dulingvan version inter du el tiuj lingvoj, kiuj jam estas tradukitaj kaj troviĝas en la sistemo RailLexic. Ĝis nun en tiu sistemo troviĝas jenaj lingvoj: Esperanto, angla, franca, germana, hispana, hungara, itala, nederlanda, pola, portugala, slovaka kaj sveda. Laŭ tiu ebleco jam estas preta la franca-Esperanto kaj Esperanto-franca terminaro, kaj la germana-Esperanto kaj Esperanto-germana terminaro laŭ LG-V.

Niaj aktualaj taskoj estas:

- reviziado de la tradukoj de ĉ. 1200 novaj esprimoj por LG-VI;
- kompilo kaj eldono de Naciaj Vortaroj;
- kolekto de novaj esprimoj por Aktuala Vortaro, sendi ilin al UIC (sed tio estas tasko de UIC RailLex-grupo, ni fervojistaj esperantistoj nur helpas al la grupo;
- traduko de la Difina Vortaro (sed la tradukon de difinoj mi supozas fari tiam, kiam ni havas tempon por tio, ĉar tiun laboron mi taksas grava, sed ne urĝa).

La landaj asocioj efike laboris kaj laboras por tiuj celoj.

**10. Ekonomio**

Ekzamenante la asociajn kasojn pri 1995 en Bulgario, Danio, Francio, Germanio, Italio, Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando kaj Norvegio la ekonomia situacio de la landa asocio estas relative kontentiga. Tiun rezulton akiris tiuj landaj asocioj pro apogo de fervojo, FISAIC-sekcio aŭ aliaj organizaĵoj.

En kelkaj landoj, ĉefe en iamaj socialismaj landoj la ekonomia situacio estas malbona, ĉar la fervojistaj esperantistoj ricevas malmulte da apogo aŭ neniun. Kelkaj landoj per donacoj povas esti vivkapablaj.

**11. Fervojistaj tranoktejoj kaj feriaj domoj**

En Aŭstrio, Ĉeĥio, Ĉinio, Italio, Hungario, Japanio, Norvegio, Pollando, Rumanio, Slovakio kaj Slovenio ekzistas fervojistaj tranoktejoj en la ĉefaj stacidomoj kaj grandaj uzinoj. Konstante eblas por eksterlandaj fervojistoj tranokti tie, sed en ĉiu lando la kondiĉoj estas malsamaj.

En ĉi tiuj landoj, kaj ankaŭ en Finnlando, Germanio kaj Svislando ekzistas fervojistaj feriaj domoj, kiuj estas troveblaj en konataj ripozejoj, apud maroj kaj riveroj, en montaroj, ĉe kuracbanejoj ktp. Ili akceptas ankaŭ eksterlandajn fervojistojn kun edzinoj. Bedaŭrinde ne ekzistas fervojistaj tranoktejoj kaj feriaj domoj en Belgio, Danio, Francio, Hispanio, Jugoslavio kaj Nederlando. Bulgario kaj Kroatio ne raportas pri tiu temo en la jarraporto.

**12. Diversaĵoj**

**Aŭstrio:** La Esperanto-movado en Aŭstrio ankoraŭ ne stagnas.

**Belgio:** Mankas kontaktoj kun la membraro, precipe kun nefervojista. Urĝe necesas reaperigi la dumonatan bultenon *Belga Fervojisto*.

**Bulgario:** La multjara ekonomia krizo en Bulgario okazigis malbonan influon rilate al la Esperanto-movado. La fervojistaj esperantistoj dum multaj jaroj ne ricevas financan helpon. Pro tio ili ofte ne povas partopreni en la IFEF-kongresoj. Multe da junuloj ne havas laboron, kaj pro tio ili ne deziras membriĝi en Esperanto-organizo.

**Ĉeĥio:** Daŭras kunlaboro kun Esperanto-redakcio de Radio Vieno. Ili partoprenis karavane dum la Zamenhof-festo en Vieno.

La prezidanton de la landa asocio oni elektis *Sportisto de la jaro 1995 de regiono Přerov* en kategorio de veteranoj. Malgraŭ la aktivecoj la intereso por Esperanto en Ĉeĥio daŭre malkreskas pro nefacila ekonomia situacio.
**Ĉinio:** En la lastaj jaroj la Esperanto-movado en Ĉinio havas malfacilaĵojn. Tamen la movado daŭre donas riĉajn fruktojn, dank' al la klopodoj de esperantistoj. La fervojistaj esperantistoj aperigis artikolojn pri ĉina fervojo en ĉinaj kaj alilandaj gazetoj.
**Danio:** La ĝenerala Esperanto-movado en Danio ŝanĝis generacion. La estraro estas juna, kaj tio verŝajne havos pozitivan efikon por la movado. DEFA preparas similan ŝanĝon al nova generacio.
**Francio:** Same kiel ĉe la aliaj kulturflegantaj asocioj la Esperanto-movado stagnas. Ĉe FFEA la jaro 1995 estis mezbona, 66 novaj membroj, sed samtempe tro da membroj forlasis la asocion. Tamen la rezulto estis kontentiga rilate al kursoj kaj ekzamenoj, kiuj tre favore evoluis.
**Finnlando:** Post la morto de Matti Voltti (09.08. 1995) la nombro de membroj falis ĝis naŭ. Pro tio la landa asocio decidis ĉesigi la asocion.
**Germanio:** Por kontraŭstiri la membroperdon GEFA evoluis ses okpaĝajn kajeretojn diverskarakterajn por varbado kaj informado pri la Esperanto-movado, kaj speciale pri la fervojista movado. Tiuj informoj ĝis nun alportas nur tre modestan rezulton.
**Italio:**Dum la jaro 1995 okazis multaj prikaj peresperantaj manifestacioj en kiuj IFEA-anoj vigle agadis aŭ kunlaboris. Ĝenerale rigardate en Italio ŝajne estas iom da evoluo, eble oni lasis la stagnon. Aperis multe da artikoloj, oni sukcesis okazigi manifestaciojn kaj radiodissendojn pri Esperanto kaj pri la lingva problemo.
**Hispanio:** HEFA estas la plej aktiva kaj multnombra en la lando. Estas organizitaj kursoj por komencantoj kaj paroliga por progresantoj. Mankas junuloj. Tre populariĝis la monataj ekskursoj, kiujn partoprenas pli ol 50 klubanoj.
**Hungario:** Ĉiam pli malfacile povas varbi la landa asocio novajn membrojn, la meznombra aĝo de la membraro altiĝas malgraŭ tio, ke la nombro de junuloj kreskas. La hungaraj fervojistaj esperantistoj rikoltis la frukton de la dujara fortostreĉa preparlaboro de la 47a IFK. Espereble la sukcesoj instigos la membraron ankaŭ estonte evoluigi la movadon.
**Japanio:** Granda tertremo trafis la regionon Kansajo. Kun granda ĝojo ni informiĝis, ke neniu esperantisto mortis aŭ grave vundiĝis. La Esperanto-societoj de Kobe kaj Amagasaki, centro de la kataklismo, revivigis ekde junio siajn agadojn.
**Jugoslavio:** Ili festis duoblan jubileon: 70 jarojn post fondiĝo de la nunaj fervojistaj Esperanto-societoj kaj 40 jarojn post fondiĝo de JAFE. Tiuokaze ili realigis abundan programon: aperis nacia vortaro, kurso en *Pruga*, dulingva artikolo en scienc-faka revuo *Železnice*.
**Kroatio:** Pro la malfavora ekonomia situacio en la lando la homoj estas okupataj pri aliaj interesoj kaj ili ne havas sufiĉan tempon kaj monon por vojaĝi enlande aŭ eksterlande. Interalie pro tio la intereso pri Esperanto estas tro malgranda.
**Nederlando:** Dum la lasta jaro la situacio ĉe FERN restis fakte la sama. La plej multaj membroj estas maljunaj kaj ne plu povas helpi. Restas nur kelkaj, kiuj kelkfoje faras ion por FERN.
**Norvegio:** Dum sia jarkunveno Norvega Esperantista Ligo akceptis novan strategian planon. Ili esperas, ke ĝi povas reviglígi la aktivecon de la Esperanto-movado en Norvegio.
**Pollando:** La kondiĉoj por Esperanto en Pollando kaj agado de la kluboj ne troviĝas en bona stato kaj daŭre malkreskas. Tamen estas inter la membroj malgranda grupo da esperantistoj, kiu agas tre vigle.
**Rumanio:** La situacio de la Esperanto-movado ne pliboniĝis kompare kun la pasinta jaro. Ŝanĝiĝis nur la intereso de samideanoj pri la movado. La fervojistaj esperantistoj esperas, ke en 1996 la situacio pliboniĝos, ili jam havas signojn.
**Slovakio:** Fervojista sekcio ĉe Slovakia Esperanto-Asocio estas registrita ĉe Ministerio de Enlandaj Aferoj de Slovakia Respubliko kiel civitana societo kun jura

memrajto sub la nomo Slovakia Asocio de Fervojistaj Esperantistoj. La malkresko de la anaro rilatas al la ŝanĝo de sekcio al asocio.

**Slovenio:** La situacio ne estas rozkolora, troa influo de angla kaj troa senlaboreco, kaj kun tio ligita ekonomia stato en kelkaj sociaj tavoloj. Ebleco de senpagaj vojaĝoj por aktivaj fervojistoj, kaj la fakto, ke en multaj lokoj troviĝas fervojistaj tranoktejoj donas eblecon al aktiva agado.

**Svislando:** Mankas junaj fortoj. La nuna estraro de la landa asocio havas multe da jaraĝoj, kaj la estraranoj ŝatus transdoni la gvidadon de la asocio en pli junajn manojn. Ĉi tiu situacio ne povos eterne daŭri, tio estas sendube klare al ĉiu. Oni povas timi, ke iam la svisa landa asocio ne plu estos funkcikapabla.

**13. Fina Komentario**

Laŭ la raportoj de la landaj asocioj mi povas konstati:

- en Finnlando ĉesis la fervojista landa asocio,
- en Britio kaj Estonio la situacio estas maloportuna,
- en kelkaj landoj – Belgio, Nederlando, Svislando – tute mankas posteuloj, kiuj povus transpreni la taskojn en la kadro de la fervojista Esperanto-movado,
- en ĉiuj landoj mankas gejunuloj kaj maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado,
- ĉefe en la iamaj socialismaj landoj – pro la malbona ekonomia, politika kaj socia situacio – malboniĝas la movada situacio,
- preskaŭ ĉiuj landoj havas malfacilaĵojn sur la tereno de okupiĝo de fervojistoj. Multaj fervojistoj perdas sian laboreblecon, kaj tiu situacio malhelpas al la Esperanto-movado,
- tamen la landaj asocioj ne perdas la esperon, kaj laŭ la eblecoj ili laboras per kaj por Esperanto,
- en la landoj, kie disvastiĝas la Esperanto-turismo la Esperanto-agado vigliĝas,
- ni havas grandajn rezultojn, ekz. ĉiujare ni organizas memstaran kongreson, inter la fakaj asocioj la fervojistoj havas la plej multnombran kaj aktivan federacion,
- sur la faka tereno ni produktis kaj daŭre produktas rezultojn, kiel la UIC-terminaro, la fakaj kajeroj, la fakprelegoj, multe da fervojfakaj organoj, la lingvouzado – kiel oficiala laborlingvo – en la kadro de FISAIC ktp.

Tiuj rezultoj donu al ni esperon por la estonto! Tiuj rezultoj instigu nin al pli efika agado!

Budapest la 8an de majo 1996

István Gulyás
vicprezidanto de IFEF

# Miliardaj investoj por ICE-linio

La Germana Fervojo (DB AG) fordonis nun komisiojn valorajn 3,6 miliardojn da germanaj markoj por la nova ICE-linio inter Frankfurt/M kaj Kolonjo.

La komision por la meza sektoro de la 135 km longa linio kun 35 km da tuneloj kaj 15 grandaj pontoj laŭlonge de la aŭtoŝoseo A 3 ricevis je samaj partoj kelkaj konsorcioj, el ili unu konsorcio de grandaj konstru-entreprenoj sub gvidado de firmao Philipp Holzmann, alia sub firmao de Aŭgsburg-Walter-grupo, trian gvidos aŭstria-germana entreprengrupo. Aro da mezgrandaj entreprenoj ricevas komisiojn por ĉirkaŭ 1,8 miliardoj da markoj.

La duan konstrusektoron oni komencos ankoraŭ en la kuranta jaro, la finkonstruon oni planas en la jaro 2000.

Laŭlonge de la linio inter Siegburg (proksima al Bonn) kaj la rivero Main oni krome konstruos du novajn ICE-staciojn.

Laŭ General-Anzeiger tradukis
Erhard HERLITZE



# Resumoj de fakprelegoj

Tri interesajn fakprelegojn aŭskultis la ĉeestantoj dum la fervojista kontaktkunveno en la 81a UK en Prago. Ni jen provas resumi ilin, kaj ni ŝatus sugesti, ke la kompleta teksto aperu en la venonta Fervojfaka Kajero.

**_Transrapid_ kaj aliaj aktualaĵoj**
prezentita de Joachim Giessner (DE):

Celoj de *grandaj rapidoj* estas evoluigi pasaĝertrafikon unuflanke kaj ŝirmi la naturon aliflanke, do kun malplia foruzo de energio ol ekzemple la flugtrafiko sufiĉe rapide interligi aglomerajn zonojn. Trajno sen radoj, do veturilo sur magnetglita relvojo, estas unu el la rimedoj, kaj laŭplane oni en 1998 ekkonstruos magnetglitan relvojon inter Hamburgo kaj Berlino en Germanio. La 292 km longa linio estos trafikata en 64 minutoj per 96 trajnoj tage.

Trajnoj por turistoj estas alia novaĵo de la germana fervojo DB AG. Konvencia fervoja veturilaro estas aliekipita kiel t.n. klubvagonoj kun ludkupeoj, areo kun variebla seĝaranĝo k.c. Krome la fervojo ofertas al la klientoj kompletan 'feripakaĵon' kun ĉio prizorgita ekde hejmforlaso ĝis postferia hejmreveno. Tio jam estas granda sukceso.

Internaciaj varekspresoj inter germanaj industricentroj kaj ĉeĥaj, resp. polaj centroj konsiderinde kreskigas la perfervojan vartransporton, kaj kontenera trajno Berlino-Moskvo kun konekso al la transsiberia fervojo plifaciligas varinterŝanĝon kun Oriento.

**Fervojaj Koridoroj en Slovaka Respubliko**
de inĝ. Magdaléna Feifičová (SK)

Diversaj interkonsentoj inter eŭropaj fervojoj preskribas transportkoridorojn por la fervoja trafiko en Eŭropo. La t.n. 'Interkonsento TEN' – Trans-Eŭropa Reto – koncernas Slovakion per tri koridoroj: IV TEN, V TEN kaj VI TEN (vidu la ilustraĵon). La prelego temas pri prioritatigo, kostoj, decidoj kaj rezultoj/atingoj de la plenumo de la kolosaj laboroj por taŭgigi la infrastrukturon.

**Ĉeĥa Respubliko kaj Eŭropaj Grandrapidaj Fervojoj**
prezentita de Jindřich Tomíšek (CZ):

Dum la lastpasintaj 25 jaroj la ĉeĥoslovakaj – nun ĉeĥaj – fervojoj ricevis konsiderinde malpli da ekonomiaj rimedoj ol la ŝosea infrastrukturo. Tial Ĉeĥa Respubliko kun sia situo meze en Eŭropo bezonas grandajn investojn, precipe en la fervoja sektoro, por povi plenumi la postulojn de la nuna – por ne paroli pri la estonta – trafiko, precipe la transita. Ankaŭ por la dezirata alproksimiĝo al la Eŭropa Komunumo necesas elkonstruo kaj novkonstruo de la fervoja reto.




FERVOJAJ KORIDOROJ

# Grandrapidaj problemoj en Nederlando

La tuttaga ekskurso en la ĉi-jara IFEF-Kongreso kondukis nin aŭtobuse al Hoorn. Dum la veturo tra la t.n. 'verda koro' de Holando mi, kiel gvidanto en aŭtobuso n-ro 3, rakontis al miaj kunvojaĝantoj, ke la nederlanda registaro havas du problemojn: unue la grandrapida linio de Amsterdamo suden al la belga limo (– Bruselo – Parizo), due la grandrapida linio de Amsterdamo orienten al la germana limo (– Kolonjo – Frankfurto).

Unu el la antaŭviditaj traceoj por la linio suden tratranĉas la belegajn naturriĉajn kampojn kaj akvoriĉajn terenojn inter la urboj Amsterdamo, Leiden, Utreĥto, Hago kaj Roterdamo.




Kontraŭstaranta movado kompreneble ekagis. La registaro bedaŭrinde preferas ĉi tiun traceon , ĉar ĝi estas la plej mallonga interligo de Schiphol flughaveno al Roterdamo. Vidu la mapeton. Ĝuste en la semajno de nia kongreso decidiĝis: Ni konstruu la preferan traceon tra la verda koro de Holando, sed por iomete alproksimiĝi al la pledmotivoj kaj protestoj de la medioprotektantoj estos borata 9 km longa tunelo por respekti la plej vundeblajn partojn de la pejzaĝo. Tre multekosta solvo! Kaj teknike sukcesplena? Ekzistas nur malmulta sperto pri la borado de tuneloj en tia mola tereno kia ĉi tie. Sed la teknikistoj ĝojkrias: ili asertas, ke la teknikaj rimedoj sufiĉas, kaj ke ne necesas dubi pri la kono kaj sperto. La skeptikuloj kaj la batalantoj por la medio ne estas konvinkitaj. Estas klare ke ni ankoraŭ devos iri longan vojon antaŭ ol la unua fosilo enteriĝos. Ĉar ni vivas en lando en kiu ĉiu civitano rajtas protesti kontraŭ preskaŭ ĉiu ago de ŝtata, provinca aŭ urba magistrato. Kaj la pritrakto de ĉiu protesto kostas tiom da tempo, ke baldaŭ pasas kelkaj jaroj.

Rigardante la mapeton de la traceo vi certe rimarkas, ke la estonta grandrapida trajno ne tuŝos iun haltejon de Hago. Vere: por plimallongigi la linion ĝi plej eble rekte kondukos post la flughaveno Schiphol al Roterdamo. Ĝis nun protestoj el Hago ne sukcesis. La pertrajna interligo kun Roterdamo estas tiel frekventa, ke halto en Hago estus nur perdita tempo!

La grandrapidaj trajnoj haltos en la nuna Roterdama Centra Stacio kaj tra la ekzistanta kvartraka tunelo sub la urba centro kaj Koningshaven (6 km) ili atingos la sudan bordon de la rivero Mozo. Ĝis la kruciĝo kun la rivero *Oude Maas*, norde de la urbo Dordrecht, la fervoja linio jam estas kvartraka. Nova linio estos konstruata eble plej proksime al la ekzistanta aŭtoŝoseo A 16 ĝis la belga limo apud la urbo Breda. En Belgio la nova traceo sekvos la (saman) aŭtoŝoseon E 19 ĝis norde de la urbo Antverpeno. Pri tiu traceo la nederlanda kaj la belga registaroj ĵus atingis interkonsenton post kelkaj jaroj de intertraktado. La propono de la belga (flandra) registaro estis traceo inter Antverpeno kaj la nederlanda limo multe pli mallonga sur la belga teritorio, do por Belgio multe pli malmultekosta. Ĉar tiu propono por Nederlando estis neakceptebla, finfine la nederlanda registaro estis preta kunpagi en la belga parto de la traceo. La

sumo pagenda estas pli ol 800 milionoj da guldenoj!

Sed kvankam ankoraŭ ne ekzistas eĉ unu kilometro da grandrapida linio, tamen ek de la 2a de junio pasinta la grandrapida trajno (baptita *Thalys*) veturas ĉiutage kvarfoje inter Amsterdamo kaj Parizo kaj reen. Dank' al la grandrapida linio en norda Francio (Lille – Parizo) la vojaĝdaŭro reduktiĝis per 75 minutoj. Se la novaj linioj en Nederlando kaj Belgio estos pretaj en la jaro 2003 la vojaĝdaŭro Amsterdamo – Parizo reduktiĝos al 3 h 15 min.

Wim van Leeuwen

# Tunelo sub aŭtoŝosea krucejo

Inter la 'aktualaĵoj' en IFK Den Haag estis prezentita la planita linio por grandaj rapidoj inter Köln [Keln] kaj Frankfurt, kiu fariĝos grava parto de la eŭropa grandrapida reto.

'Neŭralgia punkto' de tiu nova linio fariĝos la loko, kie ĝi devos subtere konduki sub la grandega aŭtoŝosea krucejo apud Frankfurt. La fervojaj inĝenieroj jam frue konstatis, ke ne eblis konstrui la linion trans super la krucejon. Sekve ili planis tunelon kaj eĉ tiel, ke la ŝoseaj inĝenieroj samtempe povos pligrandigi la krucejon, kiu ne plu kapablas 'digesti' la nuntempan gigantan trafikon.

La subtera linioparto havos longon de 2,5 km, el kiuj 500 m estos kvartrakaj, 1400 m dutrakaj kaj 600 m unutrakaj. Estas interese, ke la plej granda parto de tiu tunelo ne estos borata tra la grundo. Male, oni fosos grandegan fosaĵon, enkonstruos en ĝin la tunelon kaj poste kovros la tuton denove per tero. Kaj ĉio tio okazos ĝis profundeco de 30 metroj. Sole por kovri la tunelon oni bezonos 800.000 m³ da tero. Krome oni konstruos laŭ kutima maniero preskaŭ 300 m de la tunelo en formo de ovala tubo kun radiuso de sep metroj. Kontraŭ efiko de subtera akvo estos enkonstruataj 180.000 m³ da ŝtalbetono.

Pro la paralelaj planado kaj konstruado la giganta verko kostos 'nur' 215 milionojn da germanaj markoj. Jam en 1999 la unuaj ICE-trajnoj (InterCityEkspreso) traveturos la novan tunelon.

Laŭ *BahnZeit* 4/96 Giessner

# Rolf Bergh 75jara

La 10an de oktobro Rolf Bergh, prezidanto de NEFA ( Norvega Esperantista Fervojista Asocio) kaj komitatano de IFEF por NEFA, fariĝos 75jara.

Dum la jaroj, kiam li estas esperantisto, li en ĉiuj medioj montras eksterordinaran aktivecon kaj dinamikon, kaj ĉie kie li agadis sekvis pozitivaj rezultoj.

Plej menciinda estas lia giganta laboro dum la 42a IFK en Hamar en 1990, kiam li iniciatis senpagan restadon por la gekongresanoj el nepagipovaj landoj.

Nuntempe li partoprenas en kvarpersona laborgrupo pri ellaborado de fervojfaka vortaro.

Rolf Bergh tre multe faris por aranĝi kursojn por komencantoj, precipe per la lokaj radioelsendejoj vaste en Norvegio. Li estis kaj daŭre estas estrarano en Legaco Rolf Uhlen por akcelo de la Esperanto-movado en Norvegio.

Nuntempe li estas en la estraro de la societo *Eldonejo Esperanto*.

Li kompreneble estas aktiva kaj fervora membro de la Esperanto-klubo *La Urso* en sia hejmurbo Sarpsborg, kaj kiam Norvega Esperantista Ligo en 1993 aranĝis sian landan kongreson Rolf Bergh estis taŭga organizanto.

Ankaŭ en la orientnorvega distrikto de NEL li estas aktiva. Pro ĉio li dum la landa kongreso 1993 nomiĝis 'Kavaliro de la Ordeno *Pro Merito*'.

Ni, liaj samideanoj kaj gekolegoj, sincere gratulas kaj deziras por li multajn bonajn jarojn.

Per Johan Krogstie

# Du vizitoj en sudorienta Eŭropa

Valoris preni sur sin la malfacilaĵojn de tiuj longaj vojaĝoj, kaj mi raportu pri ili. Praktike estis du vojaĝoj, el kiuj la unua gvidis al Rumanio, pli ekzakte al la jarkunveno de la rumana IFEF-asocio REFA. Ĝi okazis en Targu Mures, urbo kun pli ol 200.000 enloĝantoj en okcidenta regiono, kie kunvivas rumanoj, hungaroj kaj germanlingvanoj. Sekve la urbo havas krom Targu Mures la nomojn Morosvasarhely kaj Neumarkt. Ĝi fakte estis dum jarcentoj merkaturbo ('markt' = merkato).

Partoprenis en tiu kunveno ĉirkaŭ cent personoj el tuta Rumanio kaj ankaŭ el kelkaj aliaj landoj. Ĉeestis krom la estraro de REFA sub gvido de ties prezidanto M. Stefan inter alie la ĝeneralaj direktoroj el Braŝov, Galati kaj Iasi. La ministro por transporto A. Novak patronis la kunvenon. El la raportoj donitaj en la oficiala kunveno oni povis ekkoni, ke REFA pozitive evoluas. Oni anoncis 232 membrojn, inter ili ĉirkaŭ 60 gejunulojn. Menciinda estas la fervojista ĥoro *Feroviaria* el Cluj, kiu ĝojigis per belvoĉa kantado, parte en Esperanto. Delegacio estis akceptita en la distrikta prefektejo, sub kies regado estas 4 urboj kaj 90 vilaĝoj. La cetera programo enhavis festan vesperon kun – kiel bedaŭrinde nun kutime – bruega muziko malhelpanta babiladon. Entute la tritaga kunveno suferis pro aĉa vetero kun seninterrompa pluvo kaj temperaturo inter kvin kaj dek gradoj. La regiona radio raportis pri la kunveno kaj ankaŭ intervjuis Radio Bukareŝto, kiu sendas al la tuta lando.


Post akcepto ĉe la prefekto de Targu Mures

Sekvis vojaĝo kun estrarano de Rumana Esperanto-Asocio al Bukareŝto, dum kiu mi povis observi la ne tro gloran staton de la fervojo kaj ĝian funkciadon. Karakterizaj estas plenplenaj trajnoj, kiujn oni prefere ne uzu sen rezervita sidloko. Kaj nepre oni havu kun si enlandan esperantiston, kiu povas laŭbezone helpi. Dufoje ni devis interrilati kun la konduktoro, ĉar kvankam ni havis rezervitajn sidlokbiletojn, la sidlokoj estis okupitaj, tiel ke ni ricevis lokojn en alia kupeo, kiujn ni poste denove devis ŝanĝi.

Iom da restado en Bukareŝto donis impresojn pri multaj detaloj de la nuna stato en tiu ĉefurbo. La sumo de tiuj detaloj kaj de la aldonaj informoj buŝaj substrekis, ke multe da penado necesas por majstri la ĉiutagan vivon.

Preskaŭ tri horojn ni bezonis por akiri simplan bileton por veturado de Bukareŝto al Sofia kaj reen inkluzive de sidlokbileto. Ne eblis aĉeti ilin en la ĉefstacio. Necesis veturado per metroo al la centro de la urbo al iu agentejo, kiun sen helpo de akompananto mi neniam estus trovinta. Oni sentas sin ĝoje kontenta, kiam fine oni havas en poŝo la biletojn.

La internacia trajno al Sofia estis denove plenplena precipe de junuloj, kiuj ĉiuj eltrajniĝis en la bulgara limstacio Ruse. Evidentiĝis, ke en ambaŭ direktoj la doganistoj, do la ŝtato, atribuis grandan signifon al la vizo, pli klare al pago por ĝi. Ne havante bulgaran vizon, mi akiris ĝin por 135 DEM. La rumanoj dum la reveturado estis pli modestaj, postulis nur 34 DEM.

En Ruse atendis prezidanto Stefan de REFA, kaj ni komune daŭrigis. La vetero fine pliboniĝis kaj revenis somera varmeco. Kun pli ol du horoj da malfruiĝo ni alvenis en Sofia, kie atendis la prezidantino de la bulgara IFEF-asocio, s-ino P. Lalova, kun kelkaj membroj. Fariĝis emocia revido, ĉar mi ne estis tie de post 1984. Ankaŭ la direktorino de la Bulgara Esperanto-Teatro B. Beleva ĉeestis, konata el la IFK okazintaj en Bulgario. Ne okazis oficiala programo, ĉar la bulgaraj kolegoj nur unu fojon monate dum kelkaj horoj rajtas uzi fervojan ejon. Por fari ion alian

mankas mono. Kun malagrablaj sentoj mi devis ekkoni la nekredeble malfacilajn vivkondiĉojn, ekz. la malaltegajn salajrojn (inter 25 kaj 30 dolaroj monate) kaj rentojn, evidente la plej malbonajn en tuta Eŭropo. Oni apenaŭ povas imagi, kiamaniere tiuj homoj konservas elteneblan vivnivelon.

Ne estas mirige, ke sub tiaj kondiĉoj ankaŭ la intereso por Esperanto suferas, tiel ke post la neforgeseblaj kongresoj de Ora Sablo kaj Slanĉev Brjag la bulgara asocio forte devas barakti por travivi la nunan situacion. Sed io, kio ne ĉesis, estas ilia gastamo, kiu donas varman senton. Kaj oni tamen esperu, ke kelkaj el ili povos partopreni en la venonta IFK en Košice. La ĉeesto kun mi de la rumana prezidanto espereble havos pozitivajn konsekvencojn por la najbaraj rilatoj inter la du asocioj.

Instrua ankaŭ estis la revido kun la bulgara ĉefurbo, kiun mi parte travagis piede, sed ankaŭ kelkfoje per tramo kaj sufiĉe kadukaj taksioj. Ĉie, kien oni rigardas, oni devas konstati, ke mankas rimedoj por ordigi plej necesajn aferojn, ĉu domojn, stratpavimon, fervojajn veturilojn aŭ prizorgadon de rubaĵoj.
La revojaĝon al Bukareŝto mi faris sen akompananto en la sola dumtaga trajno inter la du ĉefurboj, ĉi-foje en bulgara vagono. Kompreneble la okuloj de fervojisto observas multon kaj la rezulto estis sama kiel en rumanaj vagonoj. Necesas abundaj investoj por alproksimigi la ekipaĵojn de la du fervojoj al tuteŭropa nivelo. Kaj tio certe eblos nur, kiam la ĝenerala vivnivelo konsiderinde plialtiĝos, kaj la homoj rigardas la bonordan staton de la vagonoj kiel ion normalan.

Mi deziras fini tiun ĉi raporton kun danko al miaj rumanaj kaj bulgaraj amikoj, kies helpo kaj gastamo entute ebligis al mi tiun vojaĝon.

J. Giessner

# Jubilea jarkunveno de GEFA

Germanaj fervojistaj esperantistoj okazigis sian jarkunvenon (04.-06.1996) en Alexisbad fondita antaŭ du jarcentoj kiel kuracloko en la Harc-montaro. 80 membroj kaj amikoj pasigis agrablan semajnfinon en eleganta hotelo. Kulmino de la aranĝo estis la festvespero. S-ro Giessner, prezidanto de Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA), donis resumon de la jarraporto, kiu bedaŭrinde ne prezentis pozitivan situacion. Li petis la kunvenintojn ne ĉesi en la kunlaboro malgraŭ ĝenerala indiferenteco kaj malfacilaĵoj depost la privatigo de la fervojo. S-ro Petzold, ĉefestrarano de la Fervoja Sociala Organizaĵo (BSW), laŭdis la aktivecojn de la membroj. Al la prezidanto li transdonis premion pro liaj multflankaj meritoj. Nome de eksterlandaj asocioj transdonis salutojn s-ino Deloyer (Belgio), s-ino Mateeva (Bulgario) kaj s-ro Marcu (Rumanio). Fervojista orkestro de harmonikoludantoj rikoltis fortan aplaŭdon per siaj gajaj muzikaĵoj. Poste oni dancis ĝis noktomezo.
Dum la dimanĉa matineo videblis diafotoj pri pasintaj kongresoj kaj kunvenoj. Ĉarmaj kantistinoj finis la memorojn per viglaj popolkantoj.
Ne mankis turismaj ofertoj. Per etŝpura nostalgia vaportrajno grupo vojaĝis al la urbo Harzgerode. Sabaton, post komuna tagmanĝo, aŭtobusa ekskurso kondukis tra romantika valo al la malnova Hanso-urbo Quedlinburg. Lerta gvidantino klarigis la historion de la urbocentro. Promenante en la mezepoka urbo kun multnombraj faktrabaj domoj la ekskursantoj ĝuis sur la kastelmonto mirindan panoramon. Tie, antaŭ pli ol mil jaroj, estis elektita la unua germana reĝo. Post tiom da kulturaj impresoj bone gustis kafo kaj kuko en mezepoka restoracio. Ne necesa mencii, ke sunbrila vetero akompanis la jubilean jarkunvenon. Kun danko al ĉiuj organizantoj oni adiaŭis. Ĝis revido venontjare. En la bavara urbo Aschaffenburg okazos la 41a jarkunveno de GEFA inter la 10a kaj 12a de oktobro 1997.

W. Barnickel (DE)

# Aziaj fervojistoj kunsidis en Shanghai

La 24an de aŭgusto ĉi-jare kunsidis 35 aziaj fervojistoj de Ĉinio, Japanio, Koreio, Vjetnamio, Germanio kaj aliaj landoj en la hotelo *Silka Vojo* de Shanghai, Ĉinio, dum la 1a Azia Kongreso de Esperanto por okazigi fakkunsidon de la kongreso kaj jarkunsidon de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio (ĈFEA).

La kunsidon prezidis s-ro Xiao Ke, ĝenerala sekretario de ĈFEA. Unue li voĉlegis gratulvortojn de la prezidanto de UEA s-ro Lee Chong-Yeong: 'Fervojo estas ligilo de popoloj same kiel Esperanto estas ligilo de popoloj. En tiu senco internacia fervojisto povas kontribui multe por la disvastigo de nia lingvo kaj ideo'. La gratulvortoj estis bonvenigitaj de la fervojistoj per varma aplaŭdo.

Poste la vicprezidanto de ĈFEA s-ro Han Zuwu faris raporton *Aziaj fervojoj de la 21a jarcento*. Germana fervojisto s-ro Heinz Schindler raportis pri la Esperanto-movado de germanaj fervojoj kaj la kongreso de IFEF.

Japanaj fervojistoj s-roj Nobuki Naosuke kaj Sibata Akira raportis pri novaĵoj de japanaj fervojoj kaj La Sonĝlinio galaksia. Fine la prezidanto de ĈFEA s-ro Li Sen faris prelegon *21a jarcento kaj ĉina fervojo*. La raportoj kaj prelegoj interesis ĉiujn kunvenantojn. Aliaj fervojistoj aktive diskutis pri fervojoj en la 21a jarcento kaj la Esperanto-movado de fervoja fako en diversaj landoj.

Ankaŭ raportistoj de *Ĉina Radio Internacia* kaj *El Popola Ĉinio* ĉeestis la kunsidon. Ĉiuj ĉeestantoj opiniis, ke la renkontiĝo inter aziaj diverslandaj fervojistoj en Shanghai donis bonan ŝancon por influi kaj akceli disvastigon de la aziaj fervojoj kaj la fervoja E-movado en Azio. Ili esprimis ankaŭ volon fortigi la kontakton kaj kunlaboron de fervojaj kolegoj de diverslandoj en Azio en la venonta 21a jarcento.

Han Zuwu, vicprezidanto de ĈFEA

# Estrara kunsido

En la tagoj 8a-15a de septembro la itala libertempa organizo Dopolavoro Ferroviario organizis kulturan semajnon en la Dolomitoj, kie ĝi havas restadejon. La IFEF-sekretario, d-ro Romano Bolognesi, aranĝis, ke la tuta IFEF-estraro kaj la ĉefkomitatano povis partopreni tiun aranĝon kaj samtempe havi estraran kunsidon. Dum la periodo okazis diversaj ekskursoj kaj vespere okazis prelegoj ekz. pri astrologio, arkeologio, fotado kaj pri Esperanto-literaturo itallingve prelegis s-ino Perla Martinelli. D-ro Bolognesi instruis Esperanton dufoje. Kelkaj ofertoj okazis ekster la domo, ekzemple granda koncerto kun orkestro kaj ĥoro en grandega sporta halo, kiu estis plenplena, homoj eĉ sidis sur la planko. Alia vespero estis folklora vespero en la kultura domo de la urbo, tre interesa kaj tre lertaj kantistoj kaj dancistoj.

Ĉiuvespere la astrologoj starigis teleskopon ekster la domo, kaj ĉiuj havis eblecon rigardi la diversajn planetojn. La lastan tagon d-ro Bolognesi veturigis la estraron al la montaro kaj ni



de du el la pasejoj povis ĝui la belajn pejzaĝojn. Neforgeseblajn tagojn ni travivis en la Dolomitoj, sed ni ne forgesu, ke ni venis tien ĉefe por labori, kaj ni vere laboris. Por la unua fojo ni havis sufiĉe da tempo por profunde pritrakti kaj turni ĉiujn problemojn. Bedaŭrinde ni ne solvis ĉiujn, sed ni solvis kelkajn kaj kreis bonan bazon por plua traktado de la nesolvitaj.

Koran dankon al ĉiuj italaj kolegoj diversbranĉaj por tre agrabla restado en la bela regiono.

□

# FISAIC: Invito al Film- kaj Videokonkurso

Dum la tagoj 18.-21.10.1997 la Ĉeĥa landa sekcio de FISAIC ĉe ČD en Brno aranĝos la 17an Internacian Konkurson Filmo kaj Video. Same kiel antaŭ kvar jaroj la organizan flankon transprenis (laŭ kontrakto kun Ĝenerala direkcio de ČD) Kongresa kaj Kleriga Entrepreno KAVA-PECH, gvidata de Petro Chrdle, la inicianto de la membriĝo de ČD al FISAIC kaj iama FISAIC-vicprezidanto. Krom la projekciado estas preparitaj riĉaj turisma kaj kultura programoj: antaŭ la konkurso en Prago kaj post la konkurso en Suda Bohemio, sed ankaŭ dum la projekciado en Brno, precipe por la akompanantaj personoj. Eblas aliĝi al ĉiu de la tri programoj (Prago, Brno, Suda Bohemio) memstare.

Por ni esperantistoj estas grave, ke la laborlingvoj de FISAIC estas krom tradiciaj la franca kaj la germana ankaŭ Esperanto. Kvankam la antaŭajn konkursojn neniam partoprenis filmo en Esperanto, nek partoprenanto indikanta Esperanton kiel sian laborlingvon, mi esperas, ke tio ŝanĝiĝu. Tial mi vokas ĉiujn filmantajn esperantistojn fervojistojn pripensi sian partoprenon en la konkurso. Ni montru, ke Esperanto estas vere egalpotenca lingvo kun la lingvoj naciaj. Jen la programo:

**Prago 15.-18.10.1997:** Promenoj tra historia kerno de Prago, vizito de Praga Kastelo, Strahov-monaĥejo, Nacia Teknika Muzeo, koncerto, sed ankaŭ bierumado en la plej fama praga bierejo U kalicha. Komuna forveturo al Brno per IC-trajno.

**Brno 18.-21.10.1997:** Krom projekciado ĉiuj ĝuos la folkloron en burga vinejo Špilberk, vizitos konatajn batalejon kaj kastelon Slavkov (Austerlitz) kaj ĝuos la adiaŭan vesperon kun transdono de premioj kaj danco. La akompanantaj personoj krome promenos tra historia kerno de Brno kaj vizitos Moravian Karston.

**Suda Bohemio 21.-24.10.1997:** Forveturo de Brno per ekskursa aŭtobuso, survoje vizito de vidindaj lokoj Třebíč, Telč (konservita urba kerno protektita far UNESCO), Jindřichův Hradec, Třeboň. Sekvantaj tagoj trarigardo de České Budějovice (centro de Suda Bohemio), Český Krumlov, kastelo Hluboká kaj la ĉasista kastelo Ohrada (ekspozicio de ĉasado kaj laga fiŝbredado), tie ĝuo de la sudbohemia folkloro.

Perbusa vojaĝo al Prago, survoje vizito de ekspozicio de animita filmoarto en la kastelo Kratochvíle. Atingo de Prago antaŭ la 15a horo kun haltoj ĉe ambaŭ internaciaj stacidomoj en Prago (Prago hl.n. kaj Praha-Holešovice).

Pli da informoj kaj aliĝilojn vi ricevos de:
Petro Chrdle, Anglická 878,
CZ-25229 Dobřichovice.
Tel +42 29912201, fakso +42 2991 2126
retadreso (E-mail): chrdle@kava-pech.cz



Rememore al la konkurso en 1993 en Prago (pli ol 80 partoprenantoj, 64 konkursantaj filmoj de sep landoj: Sur la foto kunsidas la Teknika Komisiono de FISAIC por filmo kaj video (foto: Petro Chrdle)

# Forpasoj

Emerita staciestro **Olaf NYBERG**, naskita 28.01 1928 mortis la 21an de aŭgusto 1996 en sia hejmo en Åndalsnes.

Olaf Nyberg estis esperantisto dum multaj jaroj, kaj li estis aktiva membro de Norvega Esperantista Fervojista Asocio.

Paco estu je lia memoro.

-----

Emerita fervojisto **Odd Magnus Rennemo** forpasis en Hamar, Norvegio, sabate la 12an de oktobro, en la aĝo de 73 jaroj.

Li estis multjara kaj fidela ano de la fervojista Esperanto-movado kaj ankaŭ de *La Norda Stelo*, la urba klubo de Hamar.

Ni liaj gesamideanoj funebras kaj esprimas: Li ripozu en paco.

Per Johan Krogstie

# Esperanto-parto de urba muzeo en Česká Třebová

Antaŭ pli ol unu jarcento en Česká Třebová, instruisto Jan TYKAC ekstarigis muzeon en iama lerneja klasĉambro. La celo estis, ne nur konservi kaj ekspozicii ilojn kaj dokumentojn rilate al multnombraj kamparanoj, sed ankaŭ montri la nuntempan vivon de rapide disvolvigita fervojistaro en grava fervojnodo: Česká Třebová.

Post multaj lokŝanĝoj, jaroj de sukceso kaj malsukceso, alvenis jaro 1985. Post la dua mondmilito kaj la plua periodo estis multaj muzeaj historiaĵoj detruitaj kaj la urba muzeo devis dediĉi multe da tempo al renovigo de muzeaĵoj. Tiutempe transprenis la taskon gvidi la lokan muzeon Jiři PIŜTORA, plej konata de la jaro 1960 en la esperanta movado. Li daŭrigis la antaŭan taskon kaj plie ekkolektis ĉion rilatantan al Esperanto en la regiona E-movado kaj pli malfrue el bohemia, moravia kaj silezia regionoj. En la jaro 1992 samideano Pištora ricevis permeson de la urba konsilantaro oficiale fondi E-parton de loka muzeo. Li povas dediĉi pli da loko por esperantaĵoj en ekskazernoj de soveta armeo forlasinta la regionon, kie nun troviĝas deponejo de la muzeo. Nuntempe oni senpacience atendas ricevon de aparta domo en la centro de la urbo por ekspozicii la interesan havaĵon de la muzeo.

Kompreneble ne eblas eltiri nur lokan historion el la historio de la tutmonda Esperanto-movado. Eble ie troviĝas inter la esperantistaro interesaĵoj pri la Esperanto-movado en Ĉeĥa Respubliko, kiuj povus riĉigi la E-parton de la muzeo en Česká Třebová. Bonvolu kontakti s-ron Pištora, kiu ankaŭ invitas vin por viziti la muzeon. Lia adreso:

Jiři PIŜTORA,
Nové náměstí 1746,
CZ-560 03 Česká Třebová.

Telefonnumeroj:
hejme: +42 465 3129
muzea oficejo: +42 465 4216
deponejo: +42 465 539 170

Jean RIPOCHE (al mia bonega amiko Jiři)

Al la landaj asocioj de IFEF

# Uniformprezentado dum la 49a IFK

Uniformprezentado dum la 49a IFK estas dezirinda. Pro tio mi petas, ke oni en la opaj landaj asocioj de IFEF pritraktu la aferon, kaj mi petas respondon al jenaj demandoj:

1. Ĉu vi en via asocio estas preta partopreni en la planita uniformprezentado? jes □ ne □
2. Kaze de pozitiva sintenado: Kia(j) uniformo(j) estos prezentata(j) (el kiuj branĉoj de la fervoja servo) ? Respondo:
3. Pri la uniformvestita(j) persono(j):

| nomo | plena adreso | speco de uniformo |
|---|---|---|
| | | |
| | | |
| | | |

Via repondo estas necesa antaŭ 15.12.1996.

Per Johan Krogstie, Karudveien 1 – P.B.126, NO-2341 Løten. Tel/fakso +47 62 59 06 95

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1996.6
48a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso +45 98 80 15 99.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Redaktofino** por la venonta IF, kiu aperos meze de januaro: 15.12.1996.

Presejo:
Geflon Tryk Næstved A/S



# Ĉirkaŭ la teron 2500foje

Lunde la 24an de junio 1996 la IC3-trajnunuoj de DSB (Danaj Ŝtatfervojoj) veturis entute 100 milionojn da kilometroj. Tio egalas 2500 fojojn ĉirkaŭ la teron ĉe ekvatoro. La unua trajnunuo ektrafikis en januaro 1990, kaj hodiaŭ DSB havas 85 IC3-trajnunuojn. 10 unuojn oni uzas en la internacia trafiko inter Kopenhago kaj Hamburgo (DE).

Multaj el la trajnunuoj jam trapasis grandan planitan teknikan ekzamenadon je 1,2 milionoj da km. Lige al ĝi la vagonoj ricevis novajn seĝojn, novajn flortapiŝojn kaj vastan renovigon de la cetera ekipaĵo en la vagonoj.

**Alta produktiveco**

Lige al la teknika renovigo oni aldonis al la trajnunuoj vicon da novaj teknikaj komponentoj, kiuj plifortigas la ekspluatadstabilon. IC3 estas ne nur la plej produktiva trajno de DSB, ĝi estas ankaŭ inter tiuj trajnoj en la tuta mondo, kiuj veturas plej multajn kilometrojn jare.

Ankoraŭ kvar IC3-trajnunuojn oni mendis ĉe ADtranz en Randers, kiu sub alia nomo konstruis ĉiujn IC3-trajnojn. Ĉi tiuj trajnoj estos liverataj ĉe la jarŝanĝo 1996-97 kaj devas veturi kiel 'fulmo'-trajnoj laŭ la firma interligo trans Storebælt.

El *Perron P* n-ro 14/aŭgusto 1996



# Fervoja Koresponda Servo

**S-ro PORUPKA Sorin, Mihai Bravu 32/2, RO-6200 Galatí**

Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.